# HAMBURG Esperanto



5/2007
Aŭgusto/Septembro
Bulteno de Hamburga
Esperanto Societo r. a.



**Hamburg - Haveno de Revoj**
En Julio 2007 estis inaŭgurita la informcentro ***Ballin-Stadt*** en Veddel. Ĝi ne estas nura muzeo; ĝi estas historia spektaklo. En tri rekonstruitaj haloj la vizitantoj povas sperti, kion travivis milionoj da elmigrintoj, kiuj antaŭ cent jaroj fuĝis el la mizero en Eŭropo kaj revis pri pli bona vivo en Usono. La ekspozicio montras ĉiujn obstaklojn de la vojaĝo ek de la hejmo ie en Eŭropo ĝis la Usona enmigra kontrolado.
Per moderna tekniko la vizitantoj mem estas tirataj en la situacion.

**Editoraĵoj**
Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg
Tel/Faks: +49 40 250 30 65

Prezidanto: Jürgen Wulff

**Karaj legantoj,**
la Universala Kongreso ĉi-jare okazos de 4a ĝis 11a de Aŭgusto en Jokohamo. Laŭ mia scio neniu el niaj klubanoj aliĝis; eble pro la kostoj kaj la longa vojaĝo.

La 19an de Julio

Redaktoro: *Benno Klehr*

Retpoŝto: Esperanto-Hamburg

Redaktofino de




n-ro 6/2007: 15-09-2007

**Sentenco**
Oni ne povas aldoni tagon
al la vivo - sed oni povas
doni vivon al la tago.

*N. N.*

okazis somera festo en la ĝardeno de nia klubdomo. 14 personoj komune manĝis kaj babilis. La kolbasojn kaj viandon por la kradrostado, la salatojn kaj panojn la partoprenantoj mem alportis. Tiel estis tre variaj manĝaĵoj, inter kiuj oni povis elekti.

*Benno Klehr*

---

**Biblioteko**
Nia planlingva spirita heredaĵo estas konservata en bibliotekoj kaj arkivoj. Ĉi-rilate bedaŭrinde ekzistas multaj problemoj, tro ofte nekonsciataj. Pro tio la Esperantomuzeo kaj la Kolekto por Planlingvoj de la Aŭstria Nacia Biblioteko, Vieno, aranĝos kun la subteno de UEA internacian kolokvon **en Esperanto sub la temo**
"Planlingvaj bibliotekoj kaj novaj teknologioj". La kolokvo okazos la 19-an kaj 20-an de oktobro 2007 sub teknike bonaj kondiĉoj en la nova sidejo de la Esperantomuzeo, Palais Mollard, Herrengasse 9, A-1010 Vieno.

**Nia programo**

| Aŭgusto | Septembro |
|---|---|
| **2** sen speciala programo<br><br>**9** sen speciala programo<br><br>**16** *Rudi Haberland:* **Vortludoj**<br><br>**23 18:00 estrarkunsido** **20:00** *Kerstin Baasch*: **Kviza vespero**<br><br>**28** ***Sylwia Pöhlmann:*** **Espernato-vojaĝo al Hungario** | **6** *Mariko Aoshima* kaj *Gerald Roemer:* **Vojaĝo tra Japanio 2a parto**<br><br>**13 Preparado por la festivalo de kulturoj**<br><br>**20** *Ralph Glomp* prezentas: **La duonokulvitro** *DVD-Filmo*<br><br>**27** *(1) Pia Haasis* *(2) Gerald Roemer*: **Documenta Kassel** |

**Gnadenkirche fariĝis ortodoksa**

La 100jara preĝejo apud la juĝejoj apartenis al la Evangelia Eklezio. Pro manko de mono por necesaj riparoj oni decidis vendi ĝin.
En 2004 la Ortodoksa Eklezio de la Moskva Patriarkejo transprenis ĝin kaj komencis la riparadon kaj la ŝanĝon de la ekipaĵo interne kaj ekstere. La laboroj baldaŭ estos finitaj.



Turopintoj antaŭe kaj nun *Benno Klehr*

En la papera versio de Esperanto Hamburg nun sekvas la 1a parto de prelego de *Wera Blanke* dum la GEK 2007: **Publike Paroli** Legu la tutan tekston.

En la sama numero de Esperanto Hamburg estis aldonita bildstrio (256 kB) pri Piulino kaj Hesido

